**PENSEO** | *N-ro 128* *JUNIO/2002*

Monata Beletra Revueto en Esperanto
Honorita de Premio Grabowski,1994

Fondita en 1990; Enretigita en 1997 http://anteo.topcities.com

## Suretaĝe

Liu Guixian

Ĉar ŝia filo negocadis en Shenzhen kaj ŝia bofilino studis en Ŝanghajo, Avino Chen estis venigita por prizorgi sian nepon, kiu vizitis la elementan leernejon.

Vespere, tuj post kiam ŝi enlitigis la nepon, la pordsonorilo eksonis. "Supre, suretaĝe..." ekkriis la nepo, ĝuste kiam ŝi iris por malfermi la pordon. Estis strange, ke, pro tio, la sonorilo ĉesis soni. Aŭdiĝis paŝbruo laŭ la ŝtuparo al la supro.

"Kio do okazis?" demandis ŝi al sia nepo.



"Tiuj estas donacantoj, ĉar buroestro loĝas supre." La nepo alproksimiĝis al ŝia orelo kaj mistere diris, " tiuj donacantoj ne scias klare sur kiu etaĝo la buroestro loĝas kaj ili ofte puŝas la sonorilon de nia pordo. Kiam ĝi eksonis, miaj gepatroj ekkrias, 'Supre'."

Tamen Avino Chen ne kredis. Kion fari, se la gastoj de mia hejmo venus? Meznokte, la sonorilo eksonis refoje. Ŝi ŝaltis la lampoon kaj iris malfermi la giĉeton sur la sekura pordo. Mezaĝa viro, kiu portis pakaĵojn, alproksimigis sian kapon kaj demandis, "Ĉu Buroestro jam endormiĝis?" Vere la vizitanto al Buroestro. "Su....pre..." ŝi eĉ diris kiel ŝia nepo.

Ekde tiam, la sonorilo ofte eksonis. Ĉiutempe, kiam eksonis la sonorilo, ŝi aŭtomate ekkriis, "Supre". Sed ŝi tre malamis la sonoradon, ĉar ĝi povis vekigi ŝian nepon, kiu dormis profunde. Se ŝi ne povis dormi bone, tio ne estis grava; sed se la dormo de ŝia nepo estis interrompita kaj li ne povis havi sufiĉan energion por lernado la sekvan tagon, tio ja estis granda afero.

Ĉe advento de Printempa Festo, la fojoj de sonorilaj sonadoj multe pliiĝis, kaj tiuj de ekkriado "Supre" ankaŭ multiĝis. La nepo bakis bonan ideon, ke se piloj estos elprenitaj, la sonorilo ne plu eksonos. Pensante, ke la ideo vere estas bona, ŝi tuj faris tion laŭ la peto de la nepo. Neatendite, tio kaŭzis grandan malbonaĵon. Ĉar la sonorilo ne eksonis, la vizitantoj anstataŭe senĉese frapadis la pordon. Senespere ŝi ankoraŭ fojrefoje kriadis "Supre", kaj ŝi estis ankoraŭ ĝenita per tiuj vizitoj.

Post Printempa Festo, ŝia filo reiris al Shenzhen kaj ŝia bofilino al Ŝanhajo. Nu, alvenis la Lanterna Festo. Tiunokte, denove aŭdiĝis paŝbruo. Ŝajnis, ke estas multaj homoj, ĉar la plankoj vibriĝis de homaj pezoj. Tamen, ĉifoje ili ne mis puŝis la sonorilon kaj direktis sin al la supra etaĝo. Avino Chen ne elbuŝigis "Supre".

La sekvan tagon kvieto regis. Kaj, ne eliginte ekkrion, ŝi kaj ŝia nepo trankvile tradormis la nokton.

La tria nokto ankaŭ estis kvieta kaj ilia dorm one estis ĝenita de paŝbruo.

Ŝi trovis tion stranga. Ŝi petis informon pri la kialo. Okazis, ke Bruoestro implikiĝis en

skandalo, kaj nokte de la Lanterna Festo, lia domo estis traserĉita. Fine ŝi ekkomprenis, ke tiunokta bruaj paŝoj nemalĝuste direktiĝis al lia hejmo.

Ekde tiam ŝi kaj ŝia nepo povis dormi trankvile. La nepo diris, ke tia kvieto estas vere bona. "Kompreneble" estis ŝia respondo.

elĉinigis *Ma Lan*



# EL 《LAŬZI》



## ĈAPITRO 49

(La Saĝulo ĉi tie menciita estas la reganto idealigita de Laŭzi. En la okuloj de Laŭzi tia reganto multe fidus siajn regatojn, kaj inverse. Sub lia regado, la popolo vivus feliĉan vivon. Por efektivigi tian idealon, estas plej grave, ke oni sekvu la principon de "senagado" kaj tenu la ordinaran popolon en simplanimeco.)

La Saĝulo ne havas sian propran konstantan volon,
Li rigardas la volon de la popolo kiel la sian.
Mi estas bona kontraŭ tiuj, kiuj estas bonaj;
Mi estas bona ankaŭ kontraŭ tiuj, kiuj ne estas bonaj;
Kaj tiel la boneco estas atingita.
Mi fidas tiujn, kiuj estas fidindaj;
Mi fidas ankaŭ tiujn, kiuj ne estas fidindaj;
Kaj tiel la fido estas atingita.
La Saĝulo, kiu loĝas sub la Ĉielo,
Tenas la tutan popolon sub la Ĉielo en harmonia simpleco,
(Dume la tuta popolo koncentriĝas nur sur siaj propraj okuloj kaj oreloj.)[1]
La Saĝulo ĉiam traktas ilin ĉiujn kiel infanetojn simplanimajn.

[1] En iuj eldonoj tiuj ĉi vortoj ne estas troveblaj.

## ĈAPITRO 50

(Laŭzi opinias, ke ĉie embuskas danĝeroj kaj la homa vivo estas ĉiam minacata de ili. Tial li konsilas al ni esti tre singardaj en ĉiu okazo por eviti ĉian danĝeron. Laŭ li la plej efika kaj sekura metodo konservi la vivon estas sekvi la principon de "senagado".)

Naskite, oni devas morti.
Tri dekonoj el la homoj ĝuas longan vivon,
Dum tri dekonoj mortas tro fruan morton.
Tiuj, kiuj devus vivi longe kaj tamen mortas frue,
Ankaŭ estas tri dekonoj.
Kial do?
Ĉar tiuj ĉi lastaj estas tro avidaj je la vivo.
Mi aŭdis, ke tiu, kiu scias bone konservi sian vivon,
Ne renkontas rinocerojn aŭ tigrojn vojaĝante per tera vojo,
Nek li estas vundita aŭ mortigita en militaj bataloj.
La rinocero ne povas piki lin per la korno,
La tigro ne povas disŝiri lin per la ungegoj,
La armilo ne povas puŝi sian klingon en lian korpon.
Kial do?
Ĉar la morto trovas nenian lokon por eniri en lian vivon.

tradukita de *Wang Chongfang*



# Poemoj de Liu Bannong

(1891-1934)

## Falanta Folio

Vent' aŭtuna blovfaligis la folion,
senespere sonis klake, klake,
Tristan voĉon ĝi eligis.

Baldaŭ ĝi fariĝos koto;
sed se ĝi vivas unu momenteton,
ĝi ankoraŭ sonon etan levas,
kvankam senesperan,
kvankam lastan.



## Forĝisto

Tint! Tint!
sonora, klara son' de martelado
ekscitas la aeron noktan, mutan.
Ene de kabano flagras ruĝa bril' jen kaj jen,
Kontrastanta kun peĉnigra ter' ekstere.

Kiam ni trapasis la dompordon,
Ni vidis lin forĝiston enan.
Tint! Tint!
Moviĝadis la martelo supren kaj malsupren.
Sur ambos' la fero
pafis sange-ruĝajn lumradiojn
al gutanta ŝvito sur lia frunto
kaj al lia larĝa brusto.

Malproksimen mi foriris,
Mi ankoraŭ aŭdis svage
Tint! Tint!
Geamikoj,
tenu tiun sonon en la menson,
kiu vibras en naturo plumba poreterne.
Se vi turnas vian kapon,
vi povas vidi fajrerojn kelkajn
prilumantajn la peĉnigran teron.



## Ni Ambaŭ

Kiel triste frida ventopluvo!
Ni ambaŭ, ŝultron ĉ' ŝultro,
manprenante
kure sin direktis al la Nekoneco.
Bedaŭrinde malsekiĝis niaj tutaj
korpoj,
malvarmiĝis tre glacie,
sed ne malvarmiĝis niaj ŝultroj, manoj.



## Kordo E

Iutage, Kordo G de la violono diris al Kordo E, "Frateto, vi ja havas tre bonan voĉon, tiel belan, tiel puran, tiel akutan, sed mi konsilas al vi, ke vi gardu vin kontraŭ fiereco kaj brueco. Memoru, tiu, kiu havas la plej malfortikan forton kaj kiu estas plej facile rompebla, estas vi."

Kordo E respondis, "Multajn dankojn pro via admono, mia maljuna frato. Tamen, ĉar mi jam servas kiel kordo, mi devas esti sonora, eleganta, kaj ne timi rompiĝon. Vi diras, ke mi estas facile rompebla, sed vi ne estas tiu, kiu neniam rompiĝos."



elĉinigis *Yong Qi*

## Terapio Per Amo

*Je Zi*

Kvankam mi jam aĝas 30 jarojn kaj havas altsalajritan laboron, mi ankoraŭ ne trovas amatinon. Antaŭe mi amikiĝis kun kelkaj junulinoj, sed mia ĉikanema patrino ĉiam plendis aŭ pri ilia malbona intenco por mia alta salajro aŭ pri ilia okupo. Fine, ili forlasis min sola kaj mi dronis en malsukceso.

Tempo pasis senkompate. Mia patrino ankaŭ komencis maltrankviliĝi pri mia geedziĝo. Iutage, najbarino, kiun mia patrino komisiis kiel svatistinon, prezentis al mi junan kuracistino. Kiam mi renkontis ŝin en parko, mi trovis, ke ŝi estas neordinara junulino. Je la unua renkontiĝo, ŝia eleganta temperamento kaj parolmaniero donis al mi profundan impreson. Ŝi invitis min jen al koncero jen al dancado. Baldaŭ mi enamiĝis al ŝi, kvazaŭ ĉarmita de la sorĉistino. Ekde tiam, mi aspektis energia kaj vigla.

Je valentine, mi prezentis al ŝi bukedon da rozoj, sed ŝi rifuzis, dirante, "Pardonon, mi trompas vin dekomence…" Okazis, ke ŝi estas psikologia kuracistino. Pro tio, ke mia patrino maltrankviliĝis pri mia stato, ŝi iris peti konsilon ĉe psikologia kliniko. Aŭdinte tion, kion mia patrino rakontis, la kuracistino konsideris, ke mi suferas malsanon de malprofunda obstrukcio de personeca dependeco pro la troa dorlotado kaj rigora prizorgado de mia patrino. Kaj poste, tio, kion ŝi faris, estis ŝiaj rimedoj por kuraci min.

"Vi jam tute resaniĝis. Nun, vi povas fari ion ajn, kion vi volas, kompreneble inkluzive de via amĉacado al ajna junulino." Post tio, ŝi foriris. Kiel granda frapo! Mi fermis min en ĉambron kaj manie sopiradis al ŝi. Subite ideo fulmis tra mia menso. Ĉu ŝi diris, ke mi povas amĉasas ajnan junulinon? Ĉu ŝi ne ankaŭ estas mia celo de ĉasado?

Frumatene la sekvan tagon, mi, kiel psikologia malsanulo, iris al ŝia kliniko. Sidante antaŭ ŝi kun mallevita akapo, mi seriozmiene demandis, "S-ino kuracistino, mi enamiĝas al junulino, sed ŝi ne akceptas min. Kion mi faru?" Kun ektremo tra la korpo, ŝi levis sian kapon malrapide kaj montris al mi ŝian propran rideton. Ŝi skribis tri vortojn sur la preskribpapero: Daŭrigu vian ĉasadon!

elĉinigis *Yang Fang*

**MONDONACO**

Chen Wankuan ￥100.00

Multajn dankojn!

PENSEO Translokiĝis

La nova hejmpaĝo de PENSEO estas jena:

**http://anteo.topcities.com**

◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_

Eldonas Redakcio de *Penseo*
Disdonanto Lin Liyuan
Adreso: Ĉambro 501, N-ro. 72, Strato Xitangxilu, Guangzhou, Guangdong (510050)
POŜT-KUPONOJ ESTAS BONVENAJ!
…………..
Ĉefredaktoro: s-ro Yida Wei (Vejdo)
Adreso: Fremdlingva Fakultato, Shantou Universitato,Guangdong515063, Ĉinio
Tel: (0754) 2903012 (hejme)
E-poŝto: ydwei@stu.edu.cn
Ĉiujn kontribuaĵojn al la ĉefredaktoro.

_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_◊_